# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto
septembro 2000




2001

2000




Prezidento Stjepan Mesić - la Alta Protektanto de la zagreba UK

Urbestro Milan Bandić en Honora Komitato de la 86a UK

Multnombraj kroataj esperantistoj en Tel Aviv

Omaĝe al nia poeto Josip Velebit

Leksikono de kroataj esperantistoj preparata


ISSN 0352-1583

# KARAJ LEGANTOJ,

Elkorajn gratulojn! Kroata Esperanto-Ligo kaj Esperanto-Societo *Bude Borjan* festas en la aŭtuno 2000 la 55-jaran jubileon de post la fondiĝo! Bela rondcifera jubileo, kiu atestas pri nia kontinua laboro.

La unua statuto de Kroata Esperanto-Ligo estis registrita la 24an de oktobro 1945. La fondkunvenon partoprenis 200 fondintoj. Jen la nomoj kaj profesioj de la fondintoj, notitaj en la fonddokumento: D-ro Ivo Lapenna, ĉefredaktoro de *Popola Gazeto*; D-ro Vuk Jovanović, majoro de Jugoslavia Armeo; Franjo Vokoun, laboristo; Josip Preksavec, laboristo, Nada Gropuco, studentino pri tekniko; Franjo Šlogar, oficisto; Ruža Cetina, oficistino; Marko Demetrović, gvidanto de Gazetara Servo de Prezidantaro de la Registaro; D-ro Dušan Maruzzi, ŝtatoficisto; Martin Furlan, korespondanto de *Tanjug* por Kroatio; Katica Murtić, studentino.

Ni ne povas festi la jubileojn per pli bona maniero ol per la sindediĉa kaj organizita laboro por Universala Kongreso de Esperanto en Zagreb.

La Unua bulteno de la Kongreso aperis, aperis du belaj prospektoj en eldonkvanto de 12 000 ekz. La urboprospekton pri Zagreb tradukis Lucija Borčić, la prospekton pri la ĉirkaŭĵo de Zagreb tradukis Davor Klobučar. Ĉiujn eldonaĵojn finance helpis Turisma Asocio de la Urbo Zagreb. La Unua Bulteno estis presita anticipe por la bezonoj de Turisma Asocio de la urbo Zagreb kun fotoj kaj bonveniga frazo en la angla. La Turisma Asocio disponigis al nia Kongreso 20000 senpagajn jam kun fotoj presitaj folioj. Ni aldonis nur Esperantan tekston. La anglalingva bonveniga frazo estis parto jam presita apud la fotoj kaj ne eblis elviŝi ĝin el la donacitaj ekzempleroj. Ni petas konsideri tiun donacon al la Kongresa Kaso kiun ni profitis.

Nikola Rašić, konstanta kongresa sekretario, kunsidis kun LKK kaj la Prezidantaro de KEL la 1an de septembro. Vicurbestro de Zagreb Mladen Vilfan akceptis lin por informiĝi kaj konsili pri la organizado.

Kroata Esperanto-Ligo gastigas de la 15a-17a de septembro Konsultiĝon de Mezeŭropaj Landaj Asocioj. Konfirmis sian alvenon la reprezentantoj de Aŭstrio, Ĉeĥio, Hungario, Pollando, Slovakio kaj Slovenio. Reprezentanto de Ministerio de Eksterlandaj Aferoj - Fako pri Mezeŭropo, partoprenos la kunsidon, por informiĝi pri la laboro de esperantistoj.



Sur la foto de Young Myung Kim - la zagreba giĉeto en Tel Aviv.

Vida Jerman planas por la gastoj prezenti sian novan teatraĵon *Ponto*. La *kroata premiero de la teatraĵo* estos la unua prezento de la verko post la israela lanĉo kadre de la teatra programo de la Kongreso en Tel Aviv.

Riĉeventa aŭtuno estas antaŭ ni.

*Spomenka Štimec*


## Tempo

Jaro XIX, numero 2-3/2000
Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Aperas laŭeble kvar foje jare
ISSN 0352-1583
Redakcio: Kneza Mislava 11/III, Zagreb, Kroatio
tel: (385 1) 46 17 550, fakso: (385 1) 46 19 373
rete: esperanto@zg. tel. hr
http:pubwww.srce.hr/esperanto-kel

Kontribuis: Lucija Borčić, Ivo Borovečki, Vladimir Dujnić, Danijela Drakula, Zlatko Hinšt, Faruk Islamović, Ankica Jagnjić, Tea Janković, Antun Kovač, Vida Jerman, Goran Lakotić, Stanko Nick, Vjekoslav Morankić, Josip Pleadin, Spomenka Štimec, Kruno Tišljar kaj Young Myung Kim

Entajpis: Milka Đukić kaj Spomenka Štimec
Redaktoris: Spomenka Štimec

Anonc-tarifo 1/1 paĝo 800 kn., 1/2 paĝo 500 kn, 1/3 paĝo 350 kn, 1/8 paĝo 200 kn.
Eta anonco 100 kn. (kovrilpaĝo duoble).

Abono
4 numeroj jare 40 kn (10 DEM)
unuopa numero 10 kn (2,5 DEM)
Bv. aldoni sendokostojn 1,5 DEM por ĉiu numero al eksterlando.

La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.
Redakcija ne odgovara za mišljenja iznesena u potpisanim člancima.

# POST TEL AVIV

Malgranda grupo de israelaj esperantistoj organizis bonan kongreson. Ili komencis ĝin konstrui en 1967, interrompis ĝin pro la tiama milito kaj finis ĝin 33 jarojn poste per alia Esperanta generacio. La unika lando ŝarĝita de historiaj eventoj kaj legendoj donis dezerte varman kadron al la kongresa temo *Lingvo kaj kulturo de paco*. La kirliĝanta politika vivo de la lando donis okazon ankaŭ al esperantistoj senti ke ili estas parto de la tiea socio. Malofte okazas dumkongrese ke membro de Honora Komitato fariĝas prezidento kiel okazis al Moshe Katsev.

Por kroataj esperantistoj (ili estis 43 kaj apartenis al la ses unuaj landoj kun la plej multnombraj partoprenantoj), la israela kongreso estis la lasta grava loko por organize spertiĝi. Ni tion sufiĉe profitis. Josip Pleadin redaktis la kongresan kurieron *Stela Vivo senĉese*, Faruk Islamović, gvidanto de la ekskursa fako ĉe la kroata UK, helpis ĉe la multnombraj israelaj ekskursoj. Vida Jerman en sia teatraĵo *La poto* traktis la israelajn temon kaj aŭtoron aperante post multaj jaroj de solula sceneja laboro la unuan fojon en akompano de kolego-aktoro Ranko Stojić. Studentoj el Drama Grupo deĵoris ĉe giĉetoj kaj helpadis kie necesis kaj vigligis teatran repertuaron per moderna sceneja esprimilo. Zagrebo havis sian belan giĉeton, kiun Turisma asocio de la urbo bone ekipis per du novaj Esperantaj prospektoj, unu en la traduko de Lucija Borčić alia el la tradukplumo de Davor Klobučar. En Tel Aviv estis prezentita aliĝilo de Zagreb kaj la Unua bulteno. Gazetara servo de KEL (Judita Rey-Hudeček, Davor Grgat kaj Tomislav Radić abunde informis pri la kongreso al respektive *Večernji list, Slobodna Dalmacija* kaj *Kroata Radio)*. En la komitato laboris nome de Kroatio Ivo Osibov, kiu fariĝis komisiito pri Nobelpremio por UEA. Dum la librotago Spomenka Štimec prezentis kvar novajn librojn el la rikolto de Kvara kongreso de kroataj esperantistoj, interalie *Esperantski mozaik* de Davor Klobučar eldonita per la financa helpo el anonima fondaĵo de UEA. *Kompendio de la Esperanta gramatiko* de Mirko Manner - Mamužić konsiderinde kontribuas al ne malimpona listo de Esperantaj lerniloj. *Izvori* kandidatis sensukcese por la Infanlibro de la jaro per la libro *La bona arbo* de Sheil Silverstein en traduko de Victor Sadler. Inter la novaj libroj ni menciu ankaŭ *Bestojn en nia hejmo*, verketon de Zdravka Metz, nia membro el Kebekio.

La kroata ambasadoro en Israelo D-ro Svjetlan Berković persone ĉeestis la malfermon de la kongreso pro kio ni kore dankas al li (sur la foto kun V. Jerman kaj S. Štimec). La ferman ceremonion li ne povis ĉeesti ĉar li gastigis tiutage sep ministrojn el Kroatio ofice gastintaj en Israelo. Delegacio el kvin kroataj esperantistoj havis la okazon pasigi vesperon kun la oficiala ŝtata delegacio dum la akcepto ĉe la ambasadoro Svjetlan Berković kaj la prezidanto de Isreala-Kroata Societo en la luksa vilao de la asocia prezidanto Samuel Schlesinger. Ni havis okazon atentigi la kroatan kulturministrinon Pave Župan-Rusković pri UK en Zagreb. (Ŝi mem knabinaĝe lernis Esperanton en Dubrovnik kaj partoprenis SAT-kongresn.)

La malgranda kongreso kun ne pli ol 900 partoprenantoj donis okazon por multaj valoraj kontaktoj. Por la Universala Kongreso en Zagreb en unuaj du tagoj aliĝis 88 kongresanoj, el kiuj ni statistikis 13 estas universitatajn profesorojn, unu Nobelpremiiton kaj unu viceministron. Ne malbona rikolto!

Tel Aviv malhisis unu el siaj Esperantaj flagoj kaj donis ĝin al Ankica Jagnjić, vicprezidanto de LKK de la 86a Universala Kongreso de Zagreb. Turismaj instancoj de Zagreb ĉeestigis en UK du siajn reprezentantojn por observi la funkciadon de la kongreso kaj por pli bone helpi al ni en ties realigo.

La israela Esperanta flago en Zagreb serĉas sian maston.

Bonvenon al ĉiuj kiuj post Tel Aviv por sia ĉefa Esperanta somervojaĝo notis Zagreb.

*S. Štimec*



## CERBAJ IMPULSOJ

Samideanoj estas feliĉaj homoj, ĉar sufiĉas, ke nur unu pensas por ĉiuj.

Eĉ guto malgranda konstante frapante kauzas – kapdoloron.

Tra la mondo iras forta voko, sed ĝi laciĝis – la mondo estas vasta.

Kiam virino silentas, vira digno kontentas.

Tiuj pleje fartas, kiuj siajn jarojn facile portas.

*Dinko Matković*



# PRI LA KVARA NACIA KONGRESO... EL VIDPUNKTO DE ORGANIZANTO

Neceson pri jara ren kontiĝo de landa Esperanto-organizaĵo, nome de ĝia membraro, forte sentis ĉiuj antaŭaj generacioj. En nia elektronika tempo, kiam ni ĉiam pli kontaktas perkomputile kaj pertelefone, jes ja intensiĝis niaj kontaktoj, sed ĉu ili havas tiun homan kaj movadan dimension? Tiu demando forte influis pripensadon de la LKK de la Kvara kongreso de kroataj esperantistoj... kaj pravigis ĝiajn strebojn. Eble ĝuste pro *memstareco* de ni unuope en la komunikado, nia movado fariĝis neamasa, eble ĝuste tial ni deziras havi verajn, homajn kontaktojn. Ne mirigas tial, ke niaj landaj kongresoj fariĝis tiom popularaj, tiom vizitindaj.

La LKK de la ĉi-jara kongreso estis elektita iomete haste. Vi ja ĉiuj scias, ke kiel kongresurbo estis elektita Sinj, ĉar prudenta pensado diris al ni, ke ne estas oportune organizi kongresojn nur en la nordaj landopartoj. Ĉar la unua okazis en Zagreb, la dua en Varaždin kaj la tria en Osijek, estus saĝe havi la kvaran en pli sudaj regionoj. Sed, pro diversaj kialoj, la antaŭa decido ne povis realiĝi ĉi-jare. Tial iom subite venis propono, ke la kvaran kongreson organizu Đurđevac, kiu estis sola kromkandidato.

La situacio ne tiom kongruis kun niaj deziroj. Jam delonge en Đurđevac ne ekzistas E-societo, kvankam unuopuloj aktive partoprenis en la movado.

Iam grava Esperanto-klubo *Koko* ne plu aktivis, sed la intencoj de kelkaj esperantistoj ja estis, ke ĝuste la okazigo de la kongreso instigu refondiĝon de la klubo.

Februare la tasko organizi la kongreson estis serioze transprenita, se nur marte formiĝis LKK. Ja nia agrabla surprizo, malnovaj membroj de la klubo plenkore akceptis la ideon kaj helpis raligi ĝin.

El la vidpunkto de la organizanto, necesas aldoni kelkajn rimarkigojn, por ke la postaj organizantoj ne ripetu la samajn erarojn.

Ni ja scias, ke por organizi kiun ajn manifestacion estas bezonata mono kaj ĉiuj aliaj elementoj estas malpli gravaj, se oni povas pagi servojn. Ĉar nia lando troviĝas en neenviinda situacio rilate la ekonomion, la LKK en Đurđevac konfrontiĝis kun la problemo nesolvebla. La lokaj instancoj ne povis per monsubteno helpi la kongreson (ekzemple la Urbo Đurđevac tute neglektis nian peton, ĉar eĉ por pli urĝaj aferoj mankas mono). Por ricevi pli grandan subtenon de la distriktaj instancoj estis jam malfrue, ĉar nian peton ni direktis nur komence de marto kiam la mono por sociaj aktivecoj jam estis disdividita. Tial ni ricevis nur malgrandan sumon de 5.000,00 kunaoj el rezerva fonduso. Konkludo: la petoj por munsubteno devas esti senditaj jam oktobre aŭ novembre de antaŭa jaro. Do **plej gravas tre frue (eble unu jaron pli frue) scii kie okazos la kongreso.** La prezidantaro de KEL tiucele devas pli intense agi.

Materiaj kondiĉoj por organizi la kongreson en Đurđevac estas relative bonaj. La urbo posedas sufiĉe da konferencejoj kaj salonoj por tiaj celoj. Ĉiuj estis je nia dispono senpage, kio multege helpis. Sed, la kutima ordo en la salonoj estis tia, ke ne eblis, ekzemple, organizi malgrandan bankedon en la kongresejo mem. Tio ŝparus al ni kaj la monon kaj la programtempon, kiu cetere estis nesufiĉa. El tio venas novaj konkludoj: **la kongesoj estonte devus esti almenaŭ du-tagaj, ĉar unu tago ne sufiĉas por ampleksa programo** kiu sekvas el nia unujara laboro. Du-taga kongresumado estus pli kosta kaj por multaj miaj membroj neatingbla, aparte se la kongreso okazas en lokoj kien ne eblas veni pertrajne (ĉar tiam fervojista asocio ne povos helpi nin per malmultekosta transporto). Tial **ni zorgu elekti lokojn atingeblajn pertrajne kaj direkti nian plenan dankon al niaj karaj fervojistaj membroj, per kies helpo ni daŭre amase vizitadu la kongresojn.** Ni devas zorgi ankaŭ pri malmultekosta loĝado, ĉar ekzemple en Đurđevac ne eblis loĝigi multajn esperantistojn senpage ĉe lokaj esperantistoj, kum la sola hotelo estas relative multekosta. Tio verŝajne okazos ankaŭ aliloke.

Pri kongresa tagmanĝo en Đurđevac mi aŭdis plendojn. Nome, la kongresanoj atendis kompletan tagmanĝon, sed ili ricevis nur salamokaj fromaĝ-pladojn regalitajn en la interna korto de Malnova urbo. Karaj miaj, sponsorojn por tiu manĝo la LKK ne sukcesis trovi Kvankam la tagmanĝo estas necesa kaj kutima ĉe niaj kongresoj, kaj tion postulis KEL ankaŭ de LKK en Đurđevac, oni devas adaptiĝi al surlokaj cirkonstancoj, des pli ĉar eĉ tian tagmanĝon ni ne povis fari malmultekoste en la kongresejo, kaj devis pagi ĝin tre multe al la restoracio. Parton de tiuj elspezoj pagis KEL. Sed, mi ne vidas kaŭzon de surlokaj plendoj pri malbona manĝo, ĉar la kongresanoj ne pagis aparte la tagmanĝon. Por sekvontaj kongresoj ni rcordigu la aferon: **la tagmanĝo estu aparte pagota de la kongresanoj** kaj tiam ankaŭ bone preparata.

Sed, konklude, la mono por organizi la kongreson ne sufiĉis kaj ĉirkaŭ 5.000,00 kunaojn pagis unu el la organizantoj el sia propra poŝo. Pro tio, jen mia propono. **La kongresajn elspezojn devas kovri KEL, ĉu per aliĝkotizoj, ĉu per aparta porkongresa funduso.** La LKK estonte estu nur surloka realiganto, kies monsubteno estu nedeviga. Estontaj kongresoj devas havi apartan buĝeton ĉe KEL, de proksimume 20.000,00 kunaoj, por povi realiĝi sen perturboj. Se KEL ne kapablas havigi certan sumon disponigeblan al la LKK, baldaŭ la prezidantaro mem devos organizi ĉiun postan kongreson kaj nur en Zagrebo, ĉar mankos kapablaj kaj sufiĉe kuraĝaj organizantoj por entrepreni tian aferon.

Kroman problemon al la organizantoj faras ankaŭ sistemo de aliĝoj. Nome, multaj aliĝantoj ne sendas aliĝilon, sed simple pagas kotizon pere de banko. Per tia pago KEL ne povas scii kiu pagis la kotizon, kaj en la Kongreslibro aperas aliĝanto notita kiel *anonima el Zagreb*. Surloke do estas malfacile trovi vian kongresan insignon ktp. **Konkludo: Nepre aliĝu per oficiala aliĝilo kaj ĝi estonte havu ankaŭ noton pri JMBG el via identigilo. La saman JMBG skribu ankaŭ sur viaj pag-dokumentoj.**

Ĉi tiu teksto estu iaspeca kontribuo por nia estonta komuna agado. Mi esperas, ke vi trovos ĝin ne malica, sed utila gvidilo.

*J. Pleadin*














## KALENDARO 2001 PRI KROATIO

Jam de antaŭ kelkaj monatoj okazas preparoj por eldoni PLENKOLORAN MURKALENDARON 2001 pri la 86-a Universala Kongreso. La kalendaro entenas 13 foliojn en formato 23 x33 cm, estas presita prenkolore kaj ringe bindita. La unuopajn monatojn ornamas belegaj fotoj pri famaj, turisme vizitindaj lokoj de Kroatio, kiujn parte ofertis Turisma Unuiĝo de Kroatio kaj parte faris esperantistoj mem. La kalendaro havas titolon KONGRESLANDO KROATIO kaj estas valora donaco por viaj eksterlandaj geamikoj kaj grava varbilo por niaj estontaj gastoj. La kalendaro estas mendebla ĉe la eldoninto: *Grafokom*, p.p. 96, HR-48350 Đurđevac, Kroatio (telefone aŭ fakse al: 048/811/266, retpoŝte al: ivan.pleadin@kc.tel.hr). Ĝia prezo estas 50 kunaoj (pagebla per poŝtmandato), kaj por eksterlandanoj 8 eŭroj (pagebla pere de UEA-konto: plea-k). La prezo inkluzivas poŝtelspezojn. Por minimume 3 ekzempleroj, triona rabato.

# ĐURĐEVAC, PLENSUKCESA KAJ BONAŬGURA

Kiam februare esperantistoj el la malgranda urbeto Đurđevac transprenis seriozan taskon organizi landan kongreson de esperantistoj, ĉio ŝajnis grandega ŝarĝo por malgranda LKK. Tamen, la 27-an de majo ĝurĝevacanoj brilis pro bona sukceso de la 4-an kongreso de kroataj esperantistoj. Tiutage en ilia medio kolektiĝis preskaŭ 200 geesperantistoj el ĉiuj partoj de Kroatio kaj krome iliaj gastoj el Bosnio kaj Hercegovino, Hungario, Italio kaj Slovenio. Abunda kongresa programo apenaŭ sukcesis esti metita en la program-liston de la kongreso. Tamen, ĉiuj programeroj okazis senprokraste kaj akurate, kun multaj partoprenintoj.

Aparte menciindas ke samtempe en la regiono troviĝis ŝtatprezidento Stipe Mesić, kiu akceptis esti protektanto de la sekvontjara 86-a UK okazonta en Zagreb. Tial ne mirigas, ke Mesić sendis longan kaj afablan bondeziran telegramon al la kongresanoj de la 4-a landa kongreso. Liajn bondezirojn sekvis distriktestro Nikola Gregur, prezidanto de Urba Konsilio Ile Baković, Nikola Rašić, konstanta kongresa sekretario de UEA kaj reprezentantoj de najbaraj landaj asocioj.

Dum kelkaj monatoj informmedioj sekvis preparojn kaj aparte gravas media aŭspicio de la plej prestiĝa enlanda taggazeto *Večernji list*, kiu publikigis plurajn artikolojn. Krom loka radio-stacio, pri la kongreso raportis Kroata Televido en du mallongaj raportoj kaj unu pli ampleksa raporto en sia matena programo la 31-an de majo.

El la programo indas elstarigi kulturan parton en kiu la koruso de loka Gimnazio prezentis interalie la Esperantan himnon, dum kvaronhoran folkloran programon al la kongresanoj preparis Kultur-arta societo Petar Preradović.

Labora parto de la kongreso konsistis el Jarkunveno de Kroata Esperanto-Ligo, apartaj kunsidoj de entreprenistoj-esperantistoj, preparkunveno de ILEI-sekcio enkadre de Kroata Esperanto-Ligo, kunsido de LKK de la 86-a UK en Zagreb sekvonjare ktp. Okazis ankaŭ lingvaj lecionoj kaj amase vizitita Esperanta meso en la preĝejo de Sankta Georgo celebrata de Franjo Gruić el Đakovo. Urborigardado gvidis la kongresanojn tra la stratoj kaj aparte menciindas vizito de Galerio lokita en fama fortikaĵo konstruita en la 14-a jarcento. La Galerio konservas tre imponan kolekton donacitan al la urbo far fama pentristo Ivan Lacković Croata, kiu naskiĝis en la najbara vilaĝo.

Kiel kongresejo servis Kulturdomo, kaj parto de kulturaj programoj okazis en la konstruaĵo de petrolkompanio INA-Naftaplin. Tie sin prezentis ĝis nun nesufiĉe konata Esperanto-kantisto Neven Mrzlečki, operkantisto, membro de nacia Opero en Zagrebo. Li prezentis duonhoran programon plektitan el siaj propraj komponaĵoj kaj internacie konataj kantoj. Samloke okazis prezento de eĉ 4 libroj kiuj rilatas Kroation kaj kroatojn. La plej grava estas prezento de ĵus aperinta Kompendio de la Esperanta gramatiko (por superaj ekzamenoj), kies aŭtoro estas Mirko Manner-Mamužić, antaŭnelonge forpasinta kroata samideano vivinta eksterlande.

Lige al la kongreso eldoniĝis plenkolora urba prospekto (eldonis ĝin Esperanto-klubo Koko, p.p. 96, HR-48350 Đurđevac, Kroatio), kaj maksimuma karto eldonita de Filatelista societo en Virje. Samtage la loka poŝtoficejo uzis specialan porokazan stampon.

Ĉiuj eldonaĵoj ligitaj al la 4-a kongreso de kroataj esperantistoj estas haveblaj ĉe la Esperanto-klubo Koko, kiu post 10-jara paŭzo refondiĝis ĝuste dankŭ al la kongresaj preparoj. Eblas mendi ankaŭ vidbendon.

Se juĝi laŭ la rezultoj de la landa kongreso ĝi estis plensukcesa kaj bonaŭgura por la UK en Zagrebo sekvontjare.

*J. Pleadin*



# JOSIP VELEBIT FORLASIS NIN

La 21-an de aprilo 2000 fermiĝis por ĉiam la lacaj okuloj de la elstara kroata poeto kaj tradukisto Josip Velebit. Li estas unu el la plej brilaj figuroj sur la literatura kampo de Esperanto-movado en nia lando. Post la forpaso de niaj eminentaj verkistoj Božidar Vančik (1970) kaj Ivo Rotković (1983), kun la morto de Josip Velebit malaperis la lasta el tiu glora triopo de la malnova generacio de la kroataj Esperantaj literaturistoj.

Josip Velebit naskiĝis antaŭ 89 jaroj en Rijeka. Klasikan gimnazion kaj filozofian fakultaton li studis en Zagreb, kaj kiel profesoro pri la germana lingvo li oficis en Slavonski Brod, Osijek, Subotica, Zaprešić, Križevci kaj Vrbovec kie li emeritiĝis en 1972.

Esperantistiĝinte en 1930 Velebit ekŝatis la Esperantan literaturon kaj sub la influo de K. Kalocsay, Rotković kaj sia estona plumamikino Hilda Dresen dediĉis sin al la literatura kreado en la Internacia lingvo. Jam en 1936 li aperigis bonegan traduk-verkon *Kanto al mia koro* enhavantan 34 versaĵojn de la tiam juna kroata poeto Dragutin Tadijanović. (Tadijanović vivas kaj estas konsiderata unu el la plej bonaj kroataj poetoj kaj la traduko de Velebit estis tiutempe lia unua traduko en fremda lingvo). Sekvas plurjara verkado kaj eldonado en la kroata. Li publikigas libron kun kvin noveloj far la estonaj verkistoj F. Tuglas kaj A. Gaailit. El la germana li tradukis la konatan verkon *Leteroj al juna poeto* de R. M. Rilke (1942). En la kroata aperis liaj du originalaj poemaroj: *Putnikova pjesma (Kanto de la vojaĝanto)* kaj *Lirski zapisi (Lirikaj notoj)*. Per siaj tradukoj el pluraj lingvoj li multe kontribuis al la nacilingvaj *Antologio de mondliriko* (1965) kaj *Antologio de la monda amliriko*.

En 1972 aperas lia bonega traduko de la klasikaĵo *La morto de Smailagao Čengić* far Ivan Mažuranić. La slovenlingva verko *Girlando da sonetoj* de France Prešern aperas en lia Esperanta traduko en 1973. Sekvas du tradukoj el la makedona: en 1976 eliras sub lia plumo en Esperanto la romano *Ventoj* far Blagoje Ivanov kiu siatempe fariĝis furor-libro en Svedlando, kaj en 1978 aperis *Makedonaj popolaj rakontoj* kiujn li tradukis kune kun Slavko Šimunić. *Tri noveloj* de S. Krčmar estis publikigitaj en 1980.

En diversaj literaturaj revuoj li aperigis multajn tradukojn el la kroata poezio. Elstaras liaj tradukoj el la verkoj de Gundulić, Kranjčević, Vidrić, Matoš kaj Ujević, el kiuj pluraj aperis ankaŭ en la poemlibro *Kroatia poezio* (1983).

Liaj originalaj versaĵoj en Esperanto estis presitaj en pluraj revuoj kaj en la poemaro *Reeĥoj* (1961), en *Esperanta Antologio* kompilita de W. Auld kaj en *Kroatia Esperanto Poemaro* (1991).

Estas nepre menciinda la fakto de lia unua originala Esperanta poemlibro *Kanto de telegrafistoj* estis eldonita en la fora Kalifornio (1996) kiam la poeto estis jam 85-jaraĝa!

Al la poeto kaj tradukisto Josip Velebit ni ŝuldas multajn poeziajn belaĵojn. Li tutprave meritas indan lokon en la historio de la Esperanta literaturo. Antaŭ la nomo kaj verkoj de tiu bona homo, sindonema profesoro, riĉe dotita poeto kaj altkvalita tradukisto la kroataj esperantistoj hodiaŭ staras honorklinite kaj dankeme. Kaj ne nur la kroataj.

*Ivo Borovečki*

En San Francisko ĉe la eldonejo *Bero* tuj post lia morto aperis poemaro el la tradukplumo de Josip Velebit. *Balado de la rektadorsa homo* de Zlatko Tomičić.

Zlatko Tomičić

BALADO DE LA | REKTADORSA HOMO

Eldonejo Bero

## FORPASIS JOĴA

Forpasis Joĵa!
Postrestis lia vivoverko virtuoza,
impona kiel la samnoma monto -
via Velebit grandioza.
Kaj samkiel la montgiganto Velebit
desupre gard-observas la Adrian marbordon,
tiel same la esperantista poeto Velebit
supre en la ĉiela alto sendube per aldona vizio
verkas kaj repromenas tra sia poezio
kaj al la *Kanto de telegrafistoj,*
*Kanto de l'vagantaj studentoj,*
*Kanto de maljunulo*
kaj sia *Adiaŭa kanto*
jam alĉenas novajn kantojn pri la transvivo
sen *amara pens'*, sen spleno,
sen la melankolio
tiom saturinte lian ĉi-teran restadon.
Eble ankaŭ desupre li pluleteras
al siaj esperantaj amikoj-poetoj
Eble tie transe rezultos nova
*Dialogo kun Kristo,* pri aktualaj temoj,
nove vidataj beloj ĉi teraj
kaj nekonataj miraĝoj tiu-ĉielaj.

*Lucija Borčić*




# 86a UNIVERSALA KO
# ZAGREB 2

## Temo: Kulturo de dialogo - dialogo de kulturoj

**Grava atentigo:**

La Kongreso en Zagreb havos du kongresejojn. Ni petas viajn fruajn aliĝojn, ĉar la unuaj 2100 aliĝintoj partoprenos la malfermon el unu salono, dum la postaj devos sidi en flanksalonoj. Koran dankon pro via komprenemo.

## LA ALTA PROTEKTANTO



La Alta Protektanto de la 86a Universala Kongreso de Esperanto estas Prezidento de la Respubliko Kroatio Stjepan Mesić. La Prezidento sendis siajn salutojn ankaŭ al la Kvara kongreso de kroataj esperantistoj en Đurđevac. Sur la foto en la kroata taĝĵurnalo *Vjesnik* Stjepan Mesić kun esperantisto Danijel Hržić, okaze de sia maja vizito al Centro por eduko kaj rekapibligo de gejunuloj en Zagreb, kie Esperanton instruas Judita Rey-Hudeček.

## AKADEMIA KOLOKVO

Kroata Akademio de Sciencoj kaj Artoj estas aŭspicianto de la postkongresa programo de la Esperanta Akademio en Zagreb. La Esperanta Akademio havos en Zagreb sian internacian simpozion pri lingva planado kaj leksikologio. La simpozio okazos en Iliria Halo de la Kroata Akademio de Sciencoj kaj Artoj de la 28a ĝis la 30a de julio 2001.

Sciencaj kontribuoj bonvenas ĉe profesoro Geraldo Mattos (mattos@super.com.br).

## INFANA KONGRESETO



Dum daŭro de la Universala Kongreso ĉiam okazas miniatura kongreso: Internacia Infana Kongreseto. Ĝi estas minuatura ne pro sia graveco sed pro nombro de la partoprenantoj kaj pro ilia aĝo.

Zagreba Infana Kongreseto okazos en "Grad mladih", Granešina, rande de Medvednica kaj rande de la urbo. Tie infanoj en agrabla arbaro kreos etan Esperantujo: infanoj kune dormas, mangas kaj ludas sen ĝeno de gepatroj. La infanojn prizorgos internacia teamo de spertaj kaj lertaj gvidantoj. En la konvenaj ejoj eblos krei interesan programon: kantadon, pupfaradon, preparado de etaj prezentaĵoj, diversajn manlaborojn kaj similajn aktivecojn. Ni antaŭvidas viziton al Teknika Muzeo, ludoparko, Lonjsko polje kaj antaŭlastan tagon viziton al la "granda" kongreso, kie infanoj povos montri kion ili dum la semajno lernis kaj lertis.

Al la Infana Kongreseto rajtas aligi infanoj kiuj konas Esperanton sufiĉe por interkompreniĝi kun aliaj infanoj kaj gvidantoj. Ne estas necesa flua parolo sed bazaj konoj kaj eĉ pli gravas bona volo kaj emo komuniki kun aliaj. La plej malpermesita estas "krokodilado" (uzado de aliaj lingvoj krom Esperanto).

Laŭ anoncoj de cijaraj partoprenintoj kaj de pluraj familioj kiuj jam kontaktis organizantoj, eblas antaŭvidi partoprenon de pli ol 50 infanoj el pli ol 10 landoj.

Infanoj el Kroatio kiuj volas ĝui en internacia Esperanta etoso kaj lernis Esperanton en lernejoj aŭ almaniere por almenaŭ unu aŭ du jaroj, petu informojn de Ankica Jagnjić, letere al la adreso Stubička 75, Zagrebo aŭ e-poste al ankica.jagnjic@zg.tel.hr

# NGRESO DE ESPERANTO
# ·28 JULIO 2001







## TUTTAGAJ EKSKURSOJ

***La Lagoj de Plitvice***

La plej bela Nacia parko en Kroatio konsistas el 16 lagoj kiuj ĉeniĝas unu el la alia formigante unikan akvospektaklon. Ekde 1979 ĉi natur fenomeno estas protektita de UNESCO. La ekskursontoj vidos la tutan Parkon kaj veturante al Nacia Parko haltos en Rastoke kie troviĝas malnovaj muelejoj konstruitaj ĉe akvofalo.
Aŭtobusa ekskurso inkluzivas tagmanĝon.
Proksimuma daŭro: 10 horojn
Prezo: preparata

***Dubrovnik per aviadilo***

La plej unika adriatika turisma loko, dum jarcentoj sendependa respubliko, ravas per sia marsituo, arkitekturo kaj kulturo. Urbo kun tre longa historio ofertas unikajn vidindaĵojn, urbajn muregojn, la ĉefan straton Stradun, la palaco de la duko, kastelo Lovrijenac, kie laŭ multaj spertuloj estas la plej bona loko por ludi Hamleto de la fama Shakespeare. Eblas ankaŭ naĝi en la pura, unike blua Adriatika Maro.
Aŭtobusa ekskurso inkluzivas tagmanĝon kaj transporton per aviadilo.
Proksimuma daŭro: 10 horojn
Prezo: preparata

***Opatija - ripozejo de imperiestra familio***

La plej malnova turisma centro en Kroatio kies unuaj gastoj estis altranguloj de la Habsburga monarĥio el Vieno. Belaj malnovaj hoteloj kaj vilaoj, kaj longa apudmara piedvojo atendas vin en Opatija. Al naĝemuloj estas je la dispono blua, varma kaj pura maro.
Aŭtobusa ekskurso inkluzivas tagmanĝon.
Proksimuma daŭro: 11 horojn
Prezo: preparata

***Zagorje - regiono de kasteloj***

Ĉi ekskurso gvidas vin en romantikan parton de Kroatio. La regiono abundas je kasteloj el diversaj periodoj de historio, postrestaĵoj de riĉa feŭda pasinteco. Unua halto en Kumrovec, naskiĝloko de la iama jugoslava ŝtatestro Tito, kiu konis Esperanton. Tie ankaŭ troviĝas tre bone konservita etnovilaĝo. Sekvas vizito al mezepoka kastelo Veliki Tabor. Poste ni vizitos kastelon-muzeon de la grafa familio Drašković en Trakošćan. Laŭ multaj opinioj tiu kastelo estas la plej bela kastelo en Kroatio.
Aŭtobusa ekskurso inkluzivas tagmanĝon.
Proksimuma daŭro: 11 horojn
Prezo: preparata

*Netuŝita naturo kun cikonioj - Lonjsko polje*

La ekskurson ni rekomendas al ŝatantoj de pura kaj netuŝita naturo. Lonjsko polje estas naturparko kun la unika plant- kaj birdrezervejo. Tie oni povas vidi la plej multajn cikoniojn en Kroatio. Ni vizitos la cikonian ĉefsetlejon Ĉigoĉ, nomata la Eŭropa vilaĝo de cikonioj. Proksime troviĝas ankaŭ etno-vilaĝo kun vilaĝa arkitekturo. Poste ni vizitos regionan ĉefurbon Sisak kun 2500 jara historio, kie troviĝas interesa kastelo el la epoko de bataloj kontraŭ Turkoj.
Aŭtobusa ekskurso inkluzivas tagmanĝon.
Proksimuma daŭro: 11 horojn
Prezo: preparata





*Arbaro, galerio de naiva arto, vilaĝfesto*

Unika kverko nomata *robur* donos ombron al via arbarpromenado. Post manĝo en kverkarbaro vi daŭrigos al galerio de naiva arto en la fama vilaĝo Hlebine, kies loĝantoj eniris en historion de moderna pentroarto per siaj pentraĵoj sur vitro. La tago finiĝos per la Esperanta festo en la Sanktgeorga urbeto Ĝurĝevac.

ANTAŬ KAJ POST KONGRESAJ EKSKURSOJ KAJ SOMERUMADOJ





*Dalmatio*

La vojaĝo komenciĝas per vizito al Nacia Parko Lagoj de Plitvice, unu el la plej vidindaj lokoj en Kroatio. Sekvas vizito al urbo Zadar kiu havas aparte riĉan muzeon kun multaj eklezíaj arĝentaĵoj kaj oraĵoj. Per ŝipo ni vizitos Nacian Parkon Kornati kiu konsistas el 100 insuloj. En urbo Ŝibenik ni vidos preĝejon de sankta Jakobo kaj ni vizitos la proksiman Nacian Parkon Akvofaloj de Krka. En tiu parto de Kroatio troviĝas Primoŝten, kara loko por esperantistoj el tuta mondo kiuj en sepdekaj jaroj venadis en ĉi urbeton kun someraj Esperantaj kursoj. Laŭ la grandeco la dua urbo en Kroatio, Split atendas vin kaj vizitigos al vi Palacon de Dioklecian kaj monteton Marijan.





*Dubrovnik per aviadilo*

Per aviadilo Zagreb - Dubrovnik, somerumado en Dubrovnik kun ekskursoj al insuloj Lopud, Lokrum, Korčula (la urbo de Marko Polo), la arbaroriĉa insulo Nacia Parko Mljet. Vizitoj al urboj Cavtat, Ston kaj Konavle.

*Mljet*

Somerumado en netuŝita naturo de Nacia Parko Mljet. Pura naturo kaj maro varma restos certe en via memoro. Se vi ŝatus ripozi en trankvilo de ĉi insulo, malproksime de civilizo tiam Mljet estas la ĝusta loko por vi.

*Krozado en norda Adriatiko*
Ekskurso preparata

*Krozado en meza kaj suda Adriatiko*
Ekskurso preparata

## SELCE - LA NOVA ZEO EN KROATIO




Selce apud Crikvenica estas konata ripozloko kie dum multaj jaroj ekzistis Esperanto-Pensiono.

Ĝi lastatempe renoviĝis kaj reprenis sian iaman nomon, kvankam la nova posedanto ne rilatas al Esperanto. Tiel Kroatio havas unu plian ZEOn, kiel nomiĝas monumentoj honore al Esperanto, registritaj en la libro *Monumente pri Esperanto* de Hugo Rollinger. Ni petas korekton en la venonta eldono de la libro.

*Danijela Drakula*

## MIRO - AGRABLA KAJ UTILA

Aŭtuno alproksimiĝas, bela jaro rapide pasas. Por mi la plej bela estis la printempa MIRO. Mi konatiĝis kun familio el Hungario, kies infanoj parolas Esperanton denaske, Samir instruis al mi kiel traduki kantojn al Esperanto, Dimitri respondis al mi al ĉiu demando pri Nederlando. Impresis min la teatro kaj katedralo en Osijek kaj la ĉevaloj en Đakovo. Đakovo, laŭ mia opinio havas la plej belan preĝejon en Kroatio. Mia lingvoscio dum MIRO kreskis, mia konversacio fariĝis pli flua, mi pli bone konas Slavonion. Dankon al la helpo de Trixini. Li estas la magiisto, kie pensas pri tio ke ankaŭ invalidaj gejunuloj ĝuu la mondon ĉirkaŭ ni.

*Goran Lakotić*

## EKOLOGIA SEMINARIO EN BELGIO

Inter la 1-an ĝis 7-an de julio ĉijare okazis en Belgio (urbeto Londerzeel 20 km norde de Bruselo) ekologia seminario pri kompoŝtado. Kompoŝto estas natura produktodo de sterko. Tio estas produkto el etigitoj pecetoj de branĉoj kaj plantoj kiu estiĝas per agado de akvo kaj vermoj. Ĉeestis ĉirkaŭ tridek partoprenantoj. El Kroatio ĉeestis al seminario Zlatko Hinŝt. Gvidanto de seminario estis s-ro Frederick Vanden Brande. Organizanto estis Fandra Esperanto-Ligo. Kadre de seminario partoprenantoj aŭskultis pri teoriaj aspektoj de kompoŝtado kaj povis gajni praktikajn spertojn en la ĝardeno. Tre interesaj estis vizitoj al kelkaj firmaoj en Belgio kiu laboras kaj uzadas la kompoŝton.

*Zlatko Hinŝt*

## ALP-ADRIAESPERANTO-KONFERENCO EN PTUJ

La 12a Alp-Adria Esperanto-konferenco okazas ĉijare en Ptuj, Slovenio, la 22a ĝis 24a de septembro. Temo de la konferenco estas "Turismo kaj Esperanto". Organizanto Slovenia Esperanto-Ligo, pk.1643, SI-1001 Ljubljana, Slovenio. Prezoj estas favoraj. Aliĝkotizoj pageblaj kaj detalaj informoj haveblaj ĉe Marija Belošević, tel 01 3745052, adreso Sveti Duh 130, Zagreb.

## BLINDAJ ESPERANTISTOJ: POST BULGARIO- KROATIO

Antikva bulgara urbo Plovdiv gastigis de la 5a ĝis 12a de aŭgusto Internacian kongreson de blindaj esperantistoj. La kongrestemo estis *Komunikado sen limoj en la 21a jarcento.* La kongreson partoprenis ĉ. 100 personoj, blindaj esperantistoj kun iliaj akompanantoj el 13 landoj. El Kroatio ĉeestis Antun Kovač kun helpanto Vladimir Dujnić kaj Borka Dobrić. Antun Kovač, prezidanto de la refondita Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj (KUNE) invitis la kongreson al Kroatio en 2001. La vojaĝon de la oficiala kroata delegacio financia Ministerio por socia helpo. La 67a Internacia Kongreso de Nevidantaj Esperantistoj okazos inter la 13a kaj 21a de julio 2001, antaŭkongrese al UK en Zagreb. La kongresloko ankoraŭ ne estas decidita.
KUNE refondiĝis la 13an de majo en Zagreb. Ĝi estas membro de Ligo Internacia de Nevidantaj Esperantistoj-LIBE. La sekretarian laboron de KUNE provizore transprenis Branko Omazić.

## PREMIO AL TREVOR STEELE




Motovun gastigis antaŭ Universala Kongreso en Tel Aviv OSIEK-konferencon organizitan de la firmao de Višnja Branković - Orbis Pictus. Kvindeko da personoj ĉeestis la aranĝon. La ĉijara OSIEK- premio iris al la plej dinamika aŭstralia Esperanta verkisto Trevor Steele por lia verko *Falantaj muroj*, eldonita 1997 de Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno. En la libro la aŭtoro notas siajn akraokulajn observojn pri disfalo de la socialisma sistemo en Sovetunio, Pollando, Ĉeĥio...La senkompata cinikulo pri la mondo kaj si mem ricevis la premion en la lando kies ŝanĝojn li ne observis. Ĉu post la zagreba UK aperos literaturo dokumento pri Kroatio el lia plumo? *Tempo* elkore gratulas al la aŭtoro pro la premio.

*S. Štimec*






## RETADRESARO

Tomi Haramina ........................ tharamina@inet.hr
Marta Kovač ........................ martakovac@yahoo.com
Igor Goljevački ........................ vgoljevacki@hotmail.com
Nikola Rašić ........................ n.rasic@wolmail.nl
Goran Cvek ........................ goran1977@hotmail.com
Zoran Vukas ........................ zoranvukas@fsb.hr
Danijela Drakula ........................ drakuladanijela@yahoo.com
Jasna Mravlinčić ........................ m.f.certus@zg.tel.hr
Ivan Munić ........................ samopolako@yahoo.com
Vanja Radovanović ........................ vanja.radovanovic@etk.ericsson.se
Dag Teer ........................ dag.treer@agr.hr
Katarina Markanović ........................ katarina_m_19@yahoo.com
Mea Bombardelli ........................ bombarde@math.hr
Zoran Crnčić ........................ zoki8c@hotmail.com
Daša Filipčić ........................ dasafil@yahoo.com
Mila Bečka ........................ mbecka@yahoo.com
Tea Janković ........................ tea_jankovic@hotmail.com
Gordan Muktić ........................ gmukte@eudoramail.com
Zvonimir Andreis ........................ everlast73@hotmail.com
Milivoj Uroić ........................ muroic@phy.hr
Hrvoje Sandukčić ........................ hrvoje_s@hotmail.com
Marina Madarević ........................ marinamadar@yahoo.com
Klement Mamuzić ........................ klement_m@yahoo.com
Damjan Jacić ........................ xdaco@yahoo.com
Tajana Kovačević ........................ tajana.kovacevic@yg.tel.hr
Josip Pleadin ........................ ivan.pleadin@kc.tel.hr
Dinko Matković ........................ dinko.matkovic@st.hinet.hr

# KIAL MI ŜATAS ZAGREB?

## KIAL MI ŜATAS ZAGREB?

*Kial mi ŝatas Zagreb* estas la titolo de libro eldonita de *Vjesnik* en 2000. La libro enhavas opiniojn de kelkcent zagrebanoj kaj nezagrebanoj kiuj en la kroata taggazeto *Vjesnik* dum kelkaj jaroj publikigis pri siaj sentoj pri Zagreb. La elekto el la artikoloj aperis libroforme. Estas interese mencii ke en la kolekto troviĝas tri kontribuoj de membroj de Esperanto-Societo *Bude Borjan (D-ro Dalibor Brozović, Spomenka Štimec, Kiro Vinokić-Viki* kaj kvar tekstoj de membroj de Honora Komitato de la Universala Kongreso de Zagreb, Amelija Tomašević, Benjamin Tolić, D-ro Juraj Kolarić kaj D-ro Stanko Nick.) Ni prezentas al vi unu el ili por kontribui al la prezento de la kongresa urbo 2001.




## VERŜAJNE MI TAMEN ESTAS OLDA, SENTIMENTALA STULTUL'

La supra demando min tute embarasigis, eĉ mi iom ekbedaŭris ke mi kunsentis partopreni tiun regulan kaj evidente ŝatatan rubrikon. Ju pli multe mi pripensas ĉi temon, des pli malfacile mi povas doni ĝustan respondon, konvinkan klarigon, akceptablan alibion. Mi komencas demandi min ne plu "Kial mi ŝatas Zagreb?", sed efektive "Ĉu mi entute ŝatas Zagreb?... Por iom analizi la dilemon mi turnis min al fride matematika analizo de la kialoj klopodante ekpesi ĉiujn *por* kaj ĉiujn *kontraŭ*. Antaŭĉio, mi ne estas ia olda, sentimentala stultul', neniun kaj nenion mi ŝatas (nek malŝatas) senkaŭze. Bone, mi naskiĝis en Zagreb, antaŭ nedece multaj jaroj, en la dua etaĝo de iu deca domo en la Martićstrato (sur la domon oni ankoraŭ ne starigis memortabulon, certe oni atendas ke mi unue mortu "kiel decas"). Kiam mi estis sesjara, en 1941, la tuta familio devis forlasi la urbon por savi la nudan vivon. Ni revenis en 1948, nur miaj gepatroj kaj mi, la ceteraj pereis en karceroj, naziaj koncentrejoj, en la milito.

En Zagreb mi frekventis lernejon (bona, malnova klasika gimnazio!) kaj finis fakultaton. Post tio mi denove foriris en la mondon kaj mi preskaŭ ne havas konstantan loĝlokon. Mi vivis en tre diversaj urboj, sur ĉiuj kontinentoj (inkluzive de Aŭstralio), travojaĝis centon da landoj, mi parolas diversajn lingvojn kaj mi sentas min perfekte hejme kiam mi estas en Vieno, Parizo, Bankong, Nairobi, Vancouver, Quito, kaj eĉ en Andamooka. Min mem mi opinias eŭropano, des pli mondcivitano. Mia filo vivas en Chicago kun iu kara kaj saĝa francino, kaj la filino en Vieno. Ĵus ŝi sciigis pri la edziniĝo kun escepte bona kaj entreprenema juna aŭstro. Ĉi tie mi havas, kompreneble, multajn amikojn, sed kun pluraj el ili mi ne sukcesas intervidiĝi po ses monatojn, aliflanke amikojn mi havas en almenaŭ plia trideko da landoj... La tombejo Mirogoj gardas la polvon de miaj gepatroj kaj la memoron pri multaj miaj familianoj. Ĉio kune, dume, ankoraŭ sufiĉe magraj kaŭzoj por ia granda amo por tiu ĉi urbo, ĉu ne?

Laŭ la naturo mi estas sufiĉe kritikema. Mi ne komparas la homojn, ankaŭ ne la urbojn (nek unu nek alia estas ĝuste honesta!)

Sed la homo kun la tempopaso iĝas iom dorlotita, akiras certajn standardojn pri kiuj rezigni li ne facile pretas. Mi ne povas, ni diru, trankvile konsenti pri la terura malpureco de la plejparto de la zagrebaj stratoj: mi havas la impreson ke ili malpli servas al la urbanoj por piedirado, ol al la zagrebaj hundoj por plenumado de fiziologiaj bezonoj (tion mi por *Vjesnik* verkis multe pri ĝentile ol tion diras miaj samurbanoj kiam ili surpaŝas tian hundan necesejaĉon). Ĝenas min – kiel ankaŭ nin ĉiujn kiuj piediras kaj ne veturas ekskluzive per aŭtomobiloj – la stratoj ŝtopitaj per la lado de senindulge parkitaj klaksonoj. Kaj

kiam mi reetroviĝas antaŭ la stirilo, mi laŭte blasfemas ĉiufoje kiam mia povra aŭteto enfalas en la kavon granda kiel la kratero de Krakataŭ... Tiam, mi ne komprenas kial mia banko troviĝanta ĉe la angulo de la Rački-strato kaj de la placo iam nomata La placo de la viktimoj de faŝismo, estas sen ia konkurenco la plej malrapida banko en la mondo (aŭ almenaŭ sur la norda himisfero...) Neniam mi solvis en ĝi ion sen malpli ol duonhora atendado.

Fakte mi ne povas diri ke mi ŝatas la kreskantan primitivismon kaj la krudan konduton de ĉiam pli granda nombro de homoj vivantaj en Zagreb (kaj malgraŭ la plej bona deziro, mi ne povas nomi ilin samurbanoj, ĉar por komenci, ili entute ne estas urbanoj, kaj ofte mi demandas min ĉu ili vere apartenas al la kategorio de *homo sapiens*: kiel la pruvon mi mencias la sperton de iu mia amikino kiun antaŭnelonge iu preterpasanto laŭvorte surkraĉis sur la strato!).

Krom malgranda nombro de honoraj esceptoj, la zagrebaj montrofenestroj estas vera foiro de sengusteco kaj etburĝa bunteco. Se Zagreb entute meritas la titolon de la urbo kaj, aparta, de metropolo – tio tutcerte ne estas merito de ĝiaj komercistoj. Kaj la sufokita kaj neracia trafiko, kaj la ĉantaĝaj tarifoj (por ne diri prirabado) por elektro, gaso, telefono (inter la plej altaj en Eŭropo!), kaj *mitologio** ĉiupaŝe, kaj ĉiam pli disvastiĝanta misuzo de drogoj, kaj kreskanta kriminalo, kaj ĉiam pli drastaj sociaj diferencoj, ĉiam pli aroganta konduto de *nouveaux riches* kaj samtempe ĉiam pli granda nombro da virinoj kaj infanoj haltigantaj nin sur la zagrebaj stratoj per la jam konata frazo de la zagrebaj almozuloj: *Permesu ke mi demandu vin ion...*, sensencaĵoj kaj kaoso en lernejoj, kaj... Kion do mi, je Dio, skribas? De mi oni petis ke mi diru kial mi ŝatas Zagreb, kaj ne studon pri tio kio en Zagreb ne bonas. Nu, ŝajnas, ke ĝuste pro tio ke mi ŝatas ĝin, mi havas la rajton kaj la devon atentigi – se mi jam havas la okazon – pri tio kio ĝenas min kaj centmilojn da miaj samurbanoj (ĉi tie mi ne hezitas utiligi ĉi vorton) kaj kion ni dezirus plibonigi...

Iam antaŭlonge mi estis revenanta per aŭto Zagrebon post plurjara restado en Parizo. Je manatingo de la urbo, kiam vidiĝis jam la deklivoj de Sljeme, la vidaĵo al la prisunumita pejzaĵo subite nebuliĝis. Mi rememoris la konatan scenon el la filmo *Ĉu vi ŝatas Brahms?* en kiu la ĉefrolantino provas forviŝi la larmojn per enŝalto de la viŝilo sur la ventoŝirmilo de la aŭtomobilo. Verŝajne mi tamen estas – olda, sentimentala stultul'.

*Stanko Nick*
*Tradukis: Ivo Borovečki*

*mitologio = subaĉetado

# Zagreb

ART IN EUROPE

CROATIA



**UNUA BULTENO**

**86-a Universala Kongreso de Esperanto**

**Zagrebo, Kroatio**

**21-28 julio 2001**

# PREPAROJ POR KOMPILADO DE BIOGRAFIA LEKSIKONO DE KROATAJ ESPERANTISTOJ

Kiel konate, la lasta libro kiu entenas biografiojn de kroataj esperantistoj estis kompilaĵo de nia fama Esperanto-historiisto Marinko Gjivoje, eldonita en la jaro 1982 sub la titolo LEKSIKONO DE AKTIVAJ JUGOSLAVIAJ ESPERANTISTOJ. Intertempe ŝanĝiĝis multaj cirkonstacoj interalie malperis iama Jugoslavio, kaj Kroatio fariĝis memstara ŝtato. Sekve, ankaŭ la biografioj troviĝas en malĝusta libro.




Multaj homoj forpasis, multaj faris grandan E-karieron, unuvorte, la biografioj ne estas kompletaj. Aliflanke, aperis multaj novaj aktivuloj, kaj eĉ multaj malnovaj mankis en la nomita libro. Ĉiuj tiuj faktoj igis la kroatajn esperantistojn pensi pri publikigo de nova biografia leksikono, kompletigita kaj uzebla. Lucija Borčić trarigardis la malnovan libron de Gjivoje, kaj selektis tiujn, kiuj laŭ sia naskiĝo, labormedio kaj Esperanta aktivado estas konsiderataj kroataj esperantistoj. La taskon kompletigi la biografiojn kaj aldoni mankantajn, transprenis Josip Pleadin, kiu intencas eldoni la libron antaŭ la Universala Kongreso en Zagrebo, dum julio 2001. Por ne malŝpari tempon, bonvolu ĉiu laŭ sia propra eblo kunlabori kaj kunhelpi. Jen kelkaj manieroj:

Se via biografio mankas en la libro de Gjivoje, faru ĝin, indikante la nepre necesajn faktojn: naskiĝdato kaj loko, studoj, profesio, laboro por Esperanto (kursoj, fondo de societoj, tradukoj, libroj en E-organizaĵoj, via aktuala adreso kaj telefonnumero, retpoŝta adreso ktp.) kaj sendu al Josip Pleadin perpoŝte, fakse aŭ retpoŝte.

Se en via urbo aŭ en pli proksima ĉirkaŭaĵo vivis aŭ vivas esperantistoj kies bibliografioj ne troviĝas en la libro, kompilu iliajn biografiojn, aŭ almenaŭ notu la adresojn de la vivantaj, por ke ni mem kontaktu ilin.

Se via biografio troviĝas en la libro de Gjivoje, sed estas nekompleta, kompletigu aŭ ŝanĝu ĝin.

Kune kun via biografio aŭ kun biografio(j) de alia(j) esperantisto(j) sendu laŭeble novajn kaj plej freŝajn fotojn.

Por ke ni sciu kiu verkis unuopan biografion, subskribu ĝin, ĉar tiuj informoj aperos en la libro sub "Helpantoj".

Jam nun antaŭmendu via(j)n ekzemplero(j)n de la libro por scii kiun kvanton eldoni. Kvankam ne eblas precizigi la prezon, ĉar ankoraŭ ne estas konata ĝia amplekso, konsideru, ke ekde tri ekzempleroj vi havos trionan rabaton.

**Kontaktadreso:**
**Josip Pleadin, Grkinska 1, HR-48350 Đurđevac**
**telefonoj: 048/811-266, 812-799**
**poŝtelefono: 098/248/574**
**fakso: 048/811/266**
**retpoŝto: ivan.pleadin@kc.tel.hr**

